# Paroĥa kirko de la Plej Sankta Triunuo en Fulnek

en priskribo de

Petr Adam Dohnálek



Fulnek 2012



| | |
|---|---|
| **Paroĥo** | Fulnek |
| **Dekanujo** | Bílovec |
| **Diocezo** | Ostrava-Opava |
| **Provinco** | Moravio |
| **Civito** | Fulnek |
| **Distrikto** | Nový Jičín |
| **Lando** | Moravio |
| **Ŝtato** | Ĉeĥujo |

## Historio

La origina, ne plu ekzistanta paroĥa kirko de Fulnek estis konsekrita al sanktaj Filipo kaj Jakobo. Ĝi tiam staris surloke de la hodiaŭa kapelo de sankta Jozefo, maldekstraflanke de la kirkonavo. Oni ne plu scias, kiam ĝi estis konstruita, sed la plej malnova spuro pri ĝi estas mencio en dokumento de la 26-a de Februaro 1293, per kiu sinjoro Oldřich z Lichtenburka [Oldrĵiĥ z Liĥtnburka], ido de la potenca familiaro de Ronovec kaj posedanto de la tuta regiono, vendis al la vilaĝestro Štědroň [Ŝtjedronj] el Jílovec [Jilovec] tiean vilaĝestrejon.

En la jaro 1389 estis fondita, ĉe la kirko, monaĥejo de aŭgustenanaj kanonikoj kaj tiam estis ankaŭ la konsekro de la templo aliigita – je la Plej Sankta Triunuo.

## *Mirakla bildo de Virgulino Mario Helpantino*

Honorloke en la hodiaŭa kirko, super la tabernaklo de la ĉefaltaro, troviĝas mirakla bildo de Virgulino Mario Helpantino, foje ankaŭ nomata Virgulino Mario de Fulnek. Iam estis sub la pentraĵo tabuleto kun tiu ĉi Germana surskribo:

> „Im Jahre 1648 den 1. October ist der ehrbare Junggesell Paulus Mudrack, 19 Jahre alt, unschuldigerweiß in dem Hauswald (Thiergarten) erschossen worden. Und dann im Jahre 1649 den 3. März ist Andreas Mudrack nach erlangten heiligen Sakramenten der christkatholischen Kirche, von

dieser Welt geschieden. Seines Alters 22 Jahre 5 Monath. Denen zur Gedächtniß die betrübten Eltern, als Georg und Anna Mudrack, d. Epitaphium aufrichten lassen. Gott verleihe allen christgläubigen Seelen die ewige Ruhe und Seligkeit amen."

Esperantigite:

*„En la jaro 1648, la 1-an de Oktobro, ĥonesta fraŭlo Paulus Mudrack, 19 jarojn aĝa, estis senkulpe pafmortigita en ĉasarbaro. Kaj poste en la jaro 1649, la 3-an de Marto, ricevinte sanktajn sakramentojn de la kristana-katolika eklezio, forlasis ĉi tiun mondon Andreas Mudrack. Li aĝis 22 jarojn kaj 5 monatojn. Memore al ili la malĝojegaj gepatroj, Georg kaj Anna Mudrack, konstruigis tiun ĉi epitafon. Dio donu al ĉiuj kristane kredantaj animoj eternan ripozon kaj beaton, amen."*

La menciita epitafo estis la bildo de Virgulino Mario Helpantino, kiun la geedzoj Mudrack [Mudrak] jare 1678 donacis al la paroĥa kirko. Unue, ĝi troviĝis ĉe la baptujo, en la kapelo de sankta Jozefo de la malnova kirko. Poste, oni pendigis ĝin inter du templajn fenestrojn. Eĉ tie ĝi ne restis longe, en 1731 estis plue translokita, estinte anstataŭigita per iu pentraĵo de tiam nove beatigita Petro Furier (Pierre Fourier). La bildon de Virgulino Mario oni uzis kiel malgrandan altarpentraĵon kaj ĝi restis tiel senatente ĝis 1746, kiam oni ĝin translokis plue la 23-an de Decembro. Fine ĝi restis en la klostro, ĉar ĝuste ne troviĝis ajna pli bona loko; post kelkaj semajnoj la bildo tie disfalis en tri erojn. Tiam fine ekzorgis pri ĝi sacerdota moŝto Jakob Erbsmann [Erbsman], maljunulo de tiea monaĥejo, kaj alfiksigis ĝin post rebonigo al la monaĥeja muro post la kirko. Iom post iom, piaj gekredantoj komencis kunvenadi preskaŭ

ĉiutage ĉe ĝi, flordekoradis la bildon kaj kultadis la Dipatrinon preĝe kaj kante. La devotecoj pli kaj pli intensiĝadis, multaj alvenintoj trovadis tie konsolon kaj helpon.

Sabate antaŭ la soleno de la Plej Sankta Triunuo, la 31-an de Majo 1749, ĉirkaŭ la kvina horo posttagmeze, preĝis tiama livreulo Johann Georg Losert [Johan Georg Lozrt] ĉe la bildo. Subite li ekrimarkis ion blankan sur la dekstra okulo de la Dipatrino. Komence li pensis, ke la bildo estis alŝprucigita per io, ĉar ĝuste nova sakristio estis finalkonstruata al la malnova kirko. Oni jam sonorigis por sankta meso, tial li foriris kirkon, tamen ĉiam sentis ian enan emon reveni tien. Post fino de la liturgio li do reiris al la bildo kaj rigardinte ĝin detale, ekvidis, ke el la dekstra okulo de Virgulino Mario malsuprenfluas tri larmoj, la meza ĝis sur la kapon de Jesu-Infano. Ankaŭ sur la maldekstra okulo videblis io malseka. Tiutempe, mallonge antaŭ la sepa horo vespere, ĉe la bildo jam staris kaj ĉion vidis preskaŭ dek du personoj. La sakristiano Joseph Hopp [Jozef Hop] venigis tiaman dekanon Joseph Barwig [Jozef Barvig], kiu alpaŝis al la bildo kaj provis sekigi la larmojn pertuke – li sukcesis nur post relative longa strebado. Krom tiuj du, ĉeestis kaj ĉion vidis ankaŭ alia kleriko el la aŭgustenana monaĥejo, nome Alexander [Aleksandr], plue Apollonia [Apolonia], fratino de la sakristiano, la livreulo Johann Georg Losert kaj proksimume dek du aliaj kredantoj. La dekano Barwig ordonis al ili silenti provizore pri la okazintaĵo, tamen ĉio tiom disfamiĝis tuturbe, ke ĉe la bildo ankoraŭ tiuvespere kunvenis plimulto de Fulnekanoj, kaj nobeloj kaj plebanoj.

Posttagmeze la 2-an de Junio 1749, je la unua horo, kunvenis ĉe la bildo la loka dekano Joseph Barwig kun aliaj klerikoj, la arĥitekturisto Nikolaus Thalherr [Nikolaus Talher], ankaŭ Matthäus Hopp [Mateus Hop], frato de tiama sakristiano, kaj Georg Richter [Georg Riĥtr], por detale ĉion rigardi kaj trovi

klarigon. Post kompleta esploro de la bildo kaj ties ĉirkaŭaĵo, pripensinte ĉiujn cirkonstancojn de la fenomeno, ili konkludis, ke la larmoj sur la vango de Virgulino Mario neniel povas naturdeveni kaj ke certe temas pri miraklo, per kiu la Dipatrino videbliĝas al ni.

Post mallonga tempo preĝadoj ĉebilde tre plimultiĝis. Alvenadis pli kaj pli da pilgrimuloj, ne nur el la paroĥo kaj apudaj civitoj, sed ankaŭ el pli malproksima ĉirkaŭaĵo. Multaj asertis, kiel post preĝo ĉe la bildo de Virgulino Mario de Fulnek estis elaŭditaj iliaj petoj en kaj spiritaj kaj korpaj bezonoj. Preĝadoj kun kantadoj daŭradis plej ofte ĝis noktoj.

Festtage je la Vizito de la Dipatrino, la 2-an de Julio, ĉe la bildo okazis la unua solena litanio kun muziko. Ekde tiam ĉiuj festoj de Mario estadis solenataj tie muzike, ĥoro ĉiutage kantadis kaj okazigis litaniojn. Feste de Virgulino Mario Karmela, ĉe la pentraĵo estis celebrata unuafoje sankta meso. Tiuokaze oni prizorgis por la bildo belan kadron kaj eĉ apude fiksis lampon, poste seninterrompe flamantan. Antaŭ la festo de la Naskiĝo de la Dipatrino, oni konstruis ĉirkaŭ ĝi lignan kapeleton, por ke preĝantoj havu iun ŝirmejon. Multaj civitanoj proponis okazigi monkolekton kaj el ties profito konstrui masonitan kapelon.

Jam la 10-an de Decembro 1749 komenciĝis laboro pri forfosado de rokoriĉa deklivo, kiu prezentis grandan malhelpon kaj malakcelon por la konstruado. La tutan verkon tre subtenis la urbestraro kaj ankaŭ alia civitanaro. La 12-an de Januaro 1750 estis la bildo de Virgulino Mario Helpantino kun honorego solene translokita en la kapelon de sankta Anno. Tie oni ĝin starigis sur altaron kaj kovris per vitro. Dum ĉio tio la Dipatrino elverŝis multajn larmojn.

Ĉiujn okazintaĵojn rilatajn al la bildo zorgeme enskribadis tiama sakristiano de la kirko, Joseph Hopp. Liaj notoj kontinuas

ĝis la 20-a de Januaro 1753 kaj dum la tempo mencias sume 106 okazojn, kiam homoj el diversaj civitoj anoncis, ke post preĝo ĉe la bildo, Virgulino Mario elpetis al ili Dian helpon en diversaspecaj bezonaĵoj.

Kiam jam oni, kun grandaj penado kaj kosto, sukcesis forfosi la deklivon kaj tiel liberigi lokon por la konstruado, plano ŝanĝiĝis – oni decidis konstrui ne la kapelon, sed rekte novan grandan kirkon.

## *La hodiaŭa paroĥa kirko*

Foslabori je la roka krutaĵo venadis ĉiutage multaj homoj, do kune kun dungitaj laboristoj estadis inter 50 kaj 60 da ili. La 25-an de Aprilo 1750 la laboro tiel antaŭeniĝis, ke la spaco sufiĉis por fundamentoj. La unua ŝtono estis kuŝigita tien la 5-an de Majo kaj unu tagon poste komencis masonistoj labori. La fundamentan ŝtonon de la kirko oni grandglore metis la 19-an de Oktobro 1750, tiuloken, kie pli frue troviĝis la bildo de Virgulino Mario. Por la solenago oni produktigis oritajn trulon kaj martelon. La unuan baton faris sinjoro dekano, poste sekvis cetera klerikaro, la urbestraro kaj pluaj nobelaj urbanoj. Fine ankaŭ plebanoj rajtis frapi sur la ŝtonon laŭdezire, ĉiu unufoje. Ĝi rimarkeblas ĝis hodiaŭ sub la predikejo, kun la jarindiko „1750“. Dek jarojn poste, en 1760, laŭ la paroĥa kroniko finiĝis la propra konstruado kaj komenciĝis pentrado.

Merkrede, la 22-an de Oktobro 1760, la kirkon konsekris grafo Johann von Schärffenberg [Johan fon Ŝerfnberg], la helpepiskopo de Olomouc.

La projekton de la hodiaŭa kirko, kiu estis konstruita ĉe la aŭgustenana monaĥejo malfondita en 1784 fare de la imperiestro Jozefo la 2-a, kreis Nikolaus Thalherr, arĥitekturisto ekloĝinta en Fulnek, al kiu oni atribuas ankaŭ la kirkojn en la urboj

Budišov nad Budišovkou [Budiŝov nad Budiŝovkou] kaj Štern-berk [Ŝternberk].

La paroĥa kirko de la Plej Sankta Triunuo en Fulnek, post la kastelo ĉefdominanto de la urbo, apartenas al la plej artvaloraj barokaj konstruaĵoj en nordorienta Moravio.





Navo de la kirko

## Priskribo

La kirko estas ununava, okcident-flanke ĝi kuniĝas kun gotika klostro, iĝinta parto de malsupra etaĝo de la paroĥestra domo. Profundeca norda-suda navakso direktiĝas orte al la kastela altaĵo, larĝeca akso paralelas kun la hodiaŭ teoria (antaŭ la dua mondmilito tamen reale ekzistanta) suda flanko de la placo. La ĉefa altaro situas sude kun eta dekliniĝo orienten. De la navo orient-flanke estis konstruita ovala kapelo de sankta Jozefo. En la norda navflanko dominas masiva masonita ĥorejo.

### *Interno*

Divido de la interno reflektas principon de spaco-formado per kunmetado. Unuopajn elementojn en la nava volbo apartigas esprimfortaj duopaj intervolbaj strioj kaj en la ĉirkaŭa masonaĵo pilastroj, portantaj sektorojn de entablemento, kiuj la striojn apogas. Sub la kupolo rondkuras kontinua entablemento, sub kiu troviĝas oratorioj kun konvekse elirantaj parapetoj.

La kirko kaj kapelo estas garnataj per unueca baroka meblaro. Unikajn plafonajn pentraĵojn kun riĉa simboliko, finverkitajn jare 1760, laŭteme ligitajn al la konsekro de la kirko, kreis Joseph Ignatz Sadler [Jozef Ignac Sadler], pentristo el la urbo Olomouc. En la konko super la altarejo ilustriĝas *Glorigo de la kredo*, ceteraj kampoj montras scenojn ligitajn al glorigo de tri Diaj personoj – en la antaŭa sektoro *Venka resurektinta Kristo adorata de sanktularo*, en la meza *Krea verko de Dio la Patro* (en la mezkupolo *Kreo de anĝelaro*) kaj en la posta Pentekostan scenon *Descendo de la Sankta Spirito*. Sur la pendentivoj en la meza sektoro ilustriĝas alegorioj de kvar mondpartoj. Detalajn sĥemon kaj priskribon de la plafonpentraĵoj en la kirkonavo eblas trovi sur la paĝo B.

La ĉefaltaro estas majstra verko de la skulptisto Franz Andreas Hirnle [Franc Andreas Hirnle] el la urbo Kroměříž [Kromjerĵiĵ]; dum ĉiu alia dekorado li kunlaboris kun Wenzel Böhm [Vencl Bem].

Plimulton de bildoj en la kirko pentris Ignatz Viktorin Raab [Ignac Viktorin Rab], la altarpentraĵo tamen estas verko de Felix Ivo Leicher [Feliks Ivo Lajĥr]. Sankta Aŭgusteno sur ĝi tenas plumon, postlasantan fajrospuron, kio simbolas inspiradon de la Sankta Spirito. Pordeto de la ĉefaltara tabernaklo estas ornamita per sceno de pelikano, nutranta siajn idojn en malsattempo per propra karno – similaĵo de Kristo, satiganta nin per sia korpo en la Eŭĥaristio.

En ambaŭ flankoj de la navo troviĝas tri flankaltaroj. En la dekstra, epistola flanko la antaŭa estas konsekrita al sankta Valenteno, la meza al Virgulino Mario Dolorplena kaj la posta al sankta Barbaro. En la maldekstra, evangelia flanko la antaŭa al sankta Aŭgusteno, la meza al sankta Ubaldo kaj la posta al la Sufero de Kristo. Al la mezaj altaroj apartenas vitraj ĉerkoj kun relikvoj de sanktuloj – dekstre de sankta Valenteno kaj maldekstre de sankta Vitalo. En la jaro 2006, oni solene transportis en la kirkon ankaŭ relikvon de sankta Faŭstino Kovalska, devenintan el la Pola urbo Krakovo, kaj al ĝi oni lokis bildon de la Dia Mizerikordo. Kompleta priskribo de la altaroj en la kirkonavo videblas sur la paĝo A.

Dekstraflanke en la navo troviĝas interalie predikejo. La ĉefmotivo de ĝia dekoro estas komplekso de tri virtoj, bildigita en formo de statuaj inoj: la unua maldekstre malsupre kun ankro *(espero)*, la dua meze super la predikejo kun kruco *(kredo)*, kaj la tria dekstre malsupre kun pokalo *(karito)*.

## Orgeno

La origina orgeno de la Fulneka paroĥa kirko, konstruita de la orgenisto Johann Georg Schwartz [Ŝvarc] el Libavá [Libava], estis konsekrita en la jaro 1766. Ĝi havis du klavarojn kaj 18 registrojn. Pro rimarkinda foruzo de lignaj konsistaĵoj kaj vermboriteco ĝi estis en la 20-a jarcento riparita kaj pligrandigita, fare de la nacia entrepreno *Fabriko por orgenoj* en Krnov, laŭ projekto de inĝeniero Ota Veverka. La renovigita, trimanuala 33-registra instrumento estis konsekrita la 10-an de Decembro 1955, post finkontrolo de profesoro Gustav Pivoňka [Gustav Pivonjka] el Olomouc.

## Klostro

La klostro de iama aŭgustenana monaĥejo estas la plej valora gotika memoraĵo en la urbo. Oni ĝin konstruis verŝajne en la 1430-aj jaroj ĉe la okcidenta fasado de tiama gotika kirko. Ĝin plafonas ripa kruca volbo kun altvaloraj reliefaj detaloj. Sub eliroj de la ripoj kaj en boltoj de la volbo troviĝas blazonoj de la konstruintoj de la monaĥejo – envolvita pafaĵo de sinjoroj *z Kravař* [z Kravarĵ] kaj stelo de sinjoroj *ze Šternberka a Lukova* [ze Ŝternberka a Lukova]. La internan spacon lumigas dek unu pintformaj fenestroj, faŭkantaj en nekutime malgrandan klostran korton. El originaj flamformaj vitralaj rozoj en la fenestroj konserviĝis nur eta fragmento en la verto de la okcidenta mezfenestro. La klostro origine kunigis la kirkon kun loĝspacoj de la monaĥejo; en la navon ĝi faŭkas oriente, per ogiva portalo.



## Kapelo de sankta Jozefo

La kapelo de sankta Jozefo, spaco kun propra arĥitektura kompozicio, oriente de la navo, en horizontala projekciaĵo troviĝas proksimume surloke de altarejo de la origina gotika kirko. La internon dividas pilastroj kun sektoroj de entablemento, sur kiuj apogiĝas esprimforte modlita kornico, portanta volbon de kupolo. Sub la kornico estas oratorioj kun konvekse elirantaj parapetoj, super enirejo en la preĝejnavon troviĝas masiva emporo. En volbo de la kapelo troviĝas pentraĵo *Dekdu-jaraĝa Jesuo en la Templo*, ĉirkaŭe kompletigita per scenoj el la vivo de la Sankta Familio. La internon de la kapelo kun la kirka navo kunigas alta arkado.

## *Ekstero*

La enan spacostrukturon spegulas ankaŭ la ekstereja dispartigo de la kirko – la flankaj fasadoj estas senornamaj, anguloj inter unuopaj muroj rondformitaj, en dislimojn oni enigis kvar-kolonojn, en la tuta ĉirkaŭo rondiras krona entablemento. El la muroj de la kirko eliĝas alkonstruaĵoj de la kapelo kaj sakristio. La tuta ĉeffasado kreas monumentan kulison, rememorigantan arĥitekturon de la kulmina baroko. En ĝiaj niĉoj staras figuroj de kvar evangeliistoj de la skulptisto Johann Schubert [Johan Ŝubrt]. La navo havas gablan tegmenton, super la centra spaco kun kupolo estas tegmento mansarda kun tureto. Malalta kupolo ŝirmas ankaŭ la kapelon de sankta Jozefo. Preĝeja frontono estis en jaroj 1901–1903 aranĝita laŭ projekto de profesoro Ferdinand Hrach [Ferdinand Hraĥ].

Sur la orienta muro de la altarejo troveblas malfrugotika aŭ frurenesanca tomboŝtono de Jiří ze Žerotína [Jirĵi ze Ĵerotjina] el la jaro 1507. Idealigita sceno sur ĝi prezentas la mortinton kiel kavaliron, starantan sur leono – simbolo de potenco kaj

fortego. La apuda tomboŝtono el 1556 apartenas al la familio de Baltazar Švajnic [Baltazar Ŝvajnic] de Pilmsdorf.

El la placo kondukas al la kirko baroka ŝtuparo, devenanta el la komenco de la 18-a jarcento, kun klasikisma ŝajnpordego garnita per skulptaĵoj.





Rigardo de la placo

## Gravaj okazoj

- **1293** – La plej malnova ĝis nun konservita skribita mencio pri la paroĥa kirko en Fulnek.
- **1389** – Beneš [Beneŝ] z Kravař fondis en Fulnek ĉe la kirko aŭgustenanan monaĥejon. Mikuláš z Rýzmburka [Mikulaŝ z Rizmburka], episkopo de Olomouc, permesis ke la kirko apartenu al la monaĥejo kaj tiel iĝu kanonikara.
- **1416** – En la kirko estis entombigita Lacek la 1-a, la unua Moravia hetmano, nomumita de reĝo Venceslao la 4-a.
- **1429** – La urbon bruligis Jan z Tovačova [Jan z Tovaĉova], forbrulis kaj la kirko kaj la monaĥejo.
- **1559** – Incendio el nekonata fonto cindrigis la monaĥejon kaj najbaran parton de la urbo.
- **1657** – La kirkon ruinigis kaj bruligis Svedoj.
- **1672** – Papo Klemento la 10-a pruntedonis al la estroj de la aŭgustenana monaĥejo de Fulnek mitro-rajton.
- **1676** – Granda incendio denove cindrigis la urbon kaj la kirkon, la kaŭzo restis neklarigita.
- **1693** – La kirko estis post la incendio rekonstruita je kosto de la aŭgustenana monaĥejo.
- **1695** – Incendio disvastiĝinta el ne plu konata loko detruis la monaĥejon kaj ties ĉirkaŭaĵon.
- **1749** – Virgulino Mario sur la mirakla bildo de Fulnek unuafoje elverŝis larmojn.

- **1750** – Lokita eŝtis la fundamenta ŝtono
  de la nova paroĥa kirko.
- **1760** – La kirkon konsekris grafo Joĥann von Sĉĥärffenberg,
  ĥelpepiskopo de Olomouc.
- **1766** – Konsekrita eŝtis nova duklavara 18-regiŝtra orgeno.
- **1784** – La aŭguŝtenanan monaĥejon nuligis Jozefo la 2-a,
  la laŝta monaĥeŝtro paroĥeŝtriĝis. Tiam la monaĥeja
  domo iĝis urba paroĥeŝtrejo.
- **1900–3** – Kompleta rekonŝtruo de la kirko.
- **1905–8** – Rebonigo de la kloŝtro.
- **1919** – En la kirko eŝtis inŝtalita elektrolumigado.
- **1950–83** – Poiome komplete rekonŝtruataj eŝtis la kirko
  kaj la paroĥeŝtrejo.
- **1955** – Konsekritis renovigita kaj pligrandigita
  triklavara 33-regiŝtra orgeno.
- **1969–1999** – La paroĥon prizorgadis dum tridek jaroj
  monaĥoj de la kapucena ordeno.
- **2005** – En Fulnek venis kaj la paroĥon ekadminiŝtris
  ordenanoj palotinoj, la unuaj eŝtis el Polujo.
- **2006** – En la kirkon eŝtis lokita relikvo de sankta Faŭŝtino
  Kovalska, transportita el la Pola urbo Krakovo.



# Literaturo


- Jelonek, Emil. Felix Ivo Leicɧer. In *Das Kuhländchen.* 7-a volumo. Neu-Titſcɧein: L. V. Enders'ſcɧ, 1926. Pĝ. 35–36.
- Prasek, Vincenc. *Dějiny kraje Holasovského čili Opavského.* Eldonserio Vlastivěda Slezská, 3-a vol., 1-a parto. Opava: Jubilejní fond Vlastivědy Slezské, 1891. Pĝ. 103.
- Demel, Pɧillip. *Die Pfarrkirche in Fulnek und das Mariabild am Hochaltar.* Fulnek: memeldono, 1869. Pĝ. 3–14.
- Rašková, Jana. Farní kostel sv. Trojice. In *Fulnecký kulturní zpravodaj.* Jarkolekto 1980, n-ro 2. Fulnek: Městský národní výbor Fulnek, 1980. Pĝ. 3.
- Hoduláková, Milena – Bouda, Tomáš. Augustiniánský klášter. In *Fulnecký kulturní zpravodaj.* Jarkolekto 1980, n-ro 3. Fulnek: Městský národní výbor Fulnek, 1980. Pĝ. 4.
- Hosák, Ladislav. *Historický místopis země Moravskoslezské.* Praɧa: Společnost přátel starožitností čsl., 1938. Pĝ. 688.
- Trapl, Miloš – Kraváček, František. *Komenského Fulnek.* Praɧa: Pressfoto, 1993. ISBN 80-7046-085-7. Pĝ. 36–38.
- Gavendová, Marcela. *Kulturní památky okresu Nový Jičín.* Nový Jičín: Okresní úřad; Ostrava: Památkový ústav, 1996. ISBN 80-85034-14-X. Pĝ. 40–42.
- Kuča, Karel. *Města a městečka v Čechách, na Moravě a ve Slezsku.* 1-a vol. Praɧa: Libri, 1996. ISBN 80-85983-13-3. Pĝ. 857–858.
- Barciak, Antoni – Müller, Karel. *Regesty dokumentów przechowywanych na Górnym Śląsku – Regesty listin uložených v Horním Slezsku.* 1-a vol. Wrocław: Centrum Badań Śląskoznawczycɧ i Boɧemistycznycɧ Uniwersytetu Wrocławskiego; Opava: Zemský arcɧiv v Opavě, 2004. ISBN 80-86388-17-4. Pĝ. 91, n-ro 196; pĝ. 92, n-ro 198.
- Oppl, Stanislav Václav. *Z kroniky staroslavného města Fulneku, působiště J. A. Komenského.* Fulnek na Moravě: Kryl a Scotti, 1928. Pĝ. 138, 150, 152.

# Altaroj de la kirkonavo

## Ĉefa

BĈ – S-a Aŭgusteno
BA – Virgulino Mario de Fulnek
SM – S-a Jakobo la Malgranda
SD – S-a Filipo

## Maldekstra antaŭa

BĈ – S-a Aŭgusteno
BS – Virgulino Mario de Karmelo
SM – S-a Juliano de Kornilono
SC – Dia Koro de Jesuo*
SD – S-a Moniko

## Maldekstra meza

BĈ – S-a Ubaldo de Gubio
BS – S-a Floriano
SM – S-a Johano Baptisto
ĈC – S-a Vitalo
SD – S-a Andreo

## Maldekstra posta

BĈ – Sufero de Kristo
BS – S-a Kazimiro
SM – S-a Mario Magdaleno
SC – S-a Terezo de Lizjo
SD – S-a Veroniko

## Dekstra antaŭa

BĈ – S-a Valenteno
BS – S-a Dominiko
SM – S-a Aŭgusteno
SC – Virgulino Mario Senmakula
SD – S-a Ambrozio

## Dekstra meza

BĈ – Virgulino Mario Dolorplena
BS – S-a Judaso Tadeo
SM – S-a Dimaso
ĈC – S-a Valenteno
SD – S-a Longino

## Dekstra posta

BĈ – S-a Barbaro
BS – S-a Francisko de Saleso
SM – S-a Katarino de Aleksandrio
SC – S-a Luiso
SD – S-a Apolonio

---

**Klarigoj:**

BA – bildo antaŭa
BĈ – » ĉefa
BS – » supra
SC – statuo centra
SD – » dekstra
SM – » maldekstra
ĈC – ĉerko centre

* Origine statuo de la Dia Koro de Jesuo, nun bildo de la Dia Mizerikordo.

# Plafonaj pentraĵoj de la kirkonavo

### Superaltareja konko

**1.** Tri bildoj, montrantaj plenumon de la Malnovtestamentaj promesoj:
**(α)** De maldekstre estas diakono sankta Laŭrenco kun fera krado, poste diakono s-a Stefano kun libro; plue saĝulo, kiu montras la Eŭĥaristion je 1-β, kaj fine s-a Mario Magdaleno.

**(β)** La centron konsistigas ina alegoria figuro, kiu tenas en sia dekstra mano libron kun sep sigeloj, sur kiu kuŝetas ŝafido, en la maldekstra kaliĥon kun ĥostio. Du anĝeloj dekstre de l' ino tenas krucon, la anĝelo maldekstre subtenas la libron kun la ŝafido.

**(γ)** La bildo dekstre prezentas iujn figurojn de la Malnova Testamento. La dua de maldekstre estas Moseo kun la dek ordonoj, sidanta sur nubo, apogata de anĝelo, sekvas ankaŭ iuj ĉefpastroj kaj kelkaj profetoj, bildigitaj plimulte dekstre de Moseo.

### Antaŭa kupolo

**2.** Kristo sur la Olivmonto.
**3.** Skurĝado de Kristo.
**4.** Dornkronado de Kristo.
**5.** Krucumo de Kristo.
**6.** Reviviĝo de Kristo.
**7.** Sankta Ambrozio.
**8.** Sankta Aŭgusteno.
**9.** Sankta Gregorio la Granda.
**10.** Sankta Hieronimo.
**a.** *„De funere pulcherior exit.“*
(El morto ĝi eliras pli bela.)
**b.** *„Post nubila Phæbus.“*
(Post nuboj estas suno.
Ree estos bone.)

### Meza kupolo

**11.** Adorado de la Patro.
**12.** Alegorio de Eŭropo.
**13.** Alegorio de Ameriko.
**14.** Alegorio de Azio.
**15.** Alegorio de Afriko.
**16.** Kreo de la ĉielo kaj de la tero.
**17.** Kreo de bestoj.
**18.** La falo de ĥomo (la unua peko).
**19.** Forpelo de Adamo kaj Evo el Edeno.



**Poŝta kupolo**

**20**. Descendo de la Sankta Spirito al la apoŝtoloj kaj Dipatrino.
**21**. Donacoj de timo antaŭ Dio kaj persona pio.
**22**. Donacoj de scio kaj intelekto.
**23**. Sankta Petro baptas la centeŝtron Kornelion.
**24**. Donacoj de saĝo, konsilo kaj forto.
**25**. Sankta Tomaso Becket, Angla ĉefepiskopo kaj martiro.
**26**. Sankta Laŭrenco Giuŝtiniani.
**27**. Sankta Patriko.
**28**. Sankta Petro Furier.
**c**. *„Amor hos accendit amores.“*
(Amo fervorigas ĉi tiujn korojn.)
**d**. *„Sacris renovatur in undis.“*
(Sanktaĵoj renoviĝas en ondoj.)

**Ĥorejo**

**29**. Drapiraĵo sur la muro poŝt la orgeno.
**31**. Blazono de la sinjoroj *z Kravař*.
**32**. Blazono de la monaĥeŝtro Barwig.

**30**. *„Deo Ter Optimo Providente • Sanctissima Deipara Auxiliante • Nutritio Christi Patrocinante • Piorum Ære Concurrente • Erecta Est Hæc • Basilica. — Olim Ab Illustrissima Familia Krawarziana Fundata • MDCCLX Dirigente Fabric Iosepho Barwik De Novo Ad Perfectionem Perducta.“*
(Helpe de Dio, la trioble plej bona • kun kontribuo de la Plej Sankta Dipatrino • sub protekto de la zorganto de Kriŝto • el rimedoj de pia popolo • eŝtis konŝtruita ĉi tiu • templo. – Iam eŝtablita de la plej moŝta familiaro *z Kravař* • jare 1760 reperfektigita sub gvido de Joseph Barwig.)



# Paroĥa kirko de la Plej Sankta Triunuo en Fulnek

Verkis
**Petr Adam Dohnálek**
(pa.dohnalek@seznam.cz)

Unua, elektronike aperanta versio
Korektis Vitor Luiz Rigoti dos Anjos
Memeldono en Fulnek 2012

**ISBN 978-80-260-1830-8**

---